# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
12-a jaro N-ro 3 (46) oktobro 2013

## Enhavo



Kovrilfoto: Þingvellir, la nacia parko en la sudokcidento de Islando, same kiel Gullfoss, estas unu el la plej vizitataj lokoj en tiu lando, ankaŭ estas unu de la historie plej gravaj lokoj islandaj, ĉar tie estis la malnova islanda parlamento. Foto: Bergino Dale el Norvegio.

### Funkciuloj de la projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemela
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

### Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de

NOVAĴO

## UEA plue altigas statuson de la projekto Ĝemelaj Urboj

1034 personoj el 55 partoprenis en la 98-a UK okazinta de la 20-a ĝis la 26-a de julio 2013 en Rejkjaviko en Islando kaj diskutis pri la temo "Insulo sen izoliĝo: por justa komikado inter lingvo-komunumoj". Oni elektis la 7-kapan novan estraron, nome, s-ro Mark Fettes kiel prezidanto, s-ro Stefan MacGill kiel vic-prezidanto, s-ro Martin Schäffer kiel ĝenerala sekretario, s-ino Barbara Pietrzak, s-ro José Antonio Vergara, s-ro Lee Jung-kee kaj s-ro Stefano Keller kiel estraranoj. La nova estraro organizas sian laboron laŭ tri ME-subteamoj, nome Mastruma Evoluo, Monda Evoluo kaj Movada Evoluo.

Oni rimarkis, ke la nova estraro emfazis la projekton per ideogramoj. La projekto listiĝas en la subteamo Monda Evoluo kun la laboroj Unesko kaj UN/Unesko. Stefano Keller, Mark Fettes, José Antonio Vergara, Barbara Pietrzak gvidas la teamon kiu koncernas al eksteraj rilatoj, informado, esploro kaj dokumentoj. Klare elmontriĝis, ke okazas reorganizado de agado de ĝemelurboj en kadro de la Strategia Laborplano, ke Stefano Keller konkrete gvidas la laboron de la agado en kadro de la estraro.

Se oni diras ke UEA prezidita de Renato Corsetti enkondukis la projekton Ĝemelaj Urboj en 2002 kaj oficiale komencis la laboron de tiu kampo, se oni diras ke la Asocio estrita de Probal Dasgupta faris signifan decidon instigi la LA-ojn trovi respondeculojn pri Ĝemelaj Urboj kaj fortigis la gravecon de tiu laboro, do, la organizo gvidata de Mark Fettes plikonsideras la gravecon kaj signifon de la projekto el la monda evoluo de la Asocio. Tio ne nur estas instigo kaj subteno al la projekto, sed donas al ĉi tiu laboro grandan esperon en efektivigo de la nova strategia laborplano.

La komisiito

## La 10-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj

En la 23-a de julio, mardo, 17:00-18:00, ĉirkaŭ 30 kongresanoj partoprenis en la 10-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazinta en la salono Broadribb.

S-ro Hori Yasuo, eksaj estrarano de UEA kaj funkciulo de la projekto Ĝemelaj Urboj, prezidis la kunvenon. Oni aŭskultis kelkajn raportojn. En ili s-ino Zsofia el Herzberg, la Esperanto-urbo, substrekis, ke la plej grava estas homa kontakto, instrui Esperanton al instruistoj estas efika metodo produkti esperantistojn per ekzemplo, ke iuj eklernis Esperanton en la pola ĝemelurbo Góra, kie komence ne estis esperantista instruisto. Ŝi atentigis, ke ĉiuj ĝemelurboj havis buĝeton por agadoj en tiu kampo, oni uzu ĝin.

S-ro Maurice Juy el Francio en sia parolado menciis, ke reguloj en lernejoj ŝanĝiĝis, ili havis okazon enkonduki Esperanton. Pro tio ili serĉas lernejojn, kiuj volas korespondi per Esperanto. Kontaktu lin per mau-juy@orange.fr.

S-ro Michael Cvik el Belgio diris, ke Bonaero havas multajn ĝemelajn urbojn. Okaze de la venonta UK oni kolektu mesaĝojn kaj donacojn de tiuj urboj kaj ekspoziciu en la kongresejo. Oni proponas, ke tiu laboro estas plenumota de la projekto kaj plimultaj esperantistoj povu

partopreni en ĝi. S-ro Marcel Delforge el la belga urbo Charleroi volis aktivigi la ĝemelan rilaton kun la japana urbo Himeji per serĉo de tieaj esperantistoj. Estis informita la paĝo pri ĝemelaj urboj en Vikipedio far de s-ro Pieter Engwirda el Nederlando. S-ro LEE Jung-kee, nove elektita estrarano de UEA, ĉeestis al la kunveno.

Antaŭ la kunveno la projekto partoprenis en la 8-a Movada Foiro okazinta en la 20-a de julio

Laŭ raportoj de Hori Yasuo kaj Maritza Gutiérrez González

## Novaj funkciuloj de la projekto

En la 20-a de julio en la unua kunsido de la komitato. s-ro Mark Fettes el Kanado transprenis la prezidan stafeton de s-ro Probal Daŝgupto el Barato. Post tio naskiĝis nova estraro de UEA. Oni bone scias, ke la funkciuloj de la projekto konsistas el kvar personoj, t.e. prezidanto, estrarano pri landa kaj regiona agado, ĝenerala direktoro de la CO kaj komisiito. Laŭ klara labordivido de la tri ME-teamoj novaj funkciuloj de la projekto devas esti Mark Fettes, Stefano Keller, Osmo Buller kaj Wu Guojiang. La projekto elkore dankas s-ron Probal Daŝgupto kaj s-inon Maritza Gutiérrez González pro siaj kontribuoj al ĝia evoluo, kaj kredeble akiros el ili la daŭran prizorgon kaj subtenon.

## Salutvortoj al Probal Dasgupto



Kun s-ro Probal Daŝgupto el Barato mi vere konatiĝis en la 92-a UK okazinta en Japanio, precize en la programero “Nova estraro sin prezentas”. Respondinte al miaj demandoj li klare esprimis, ke li subtenos ĉiun laboron de UEA inkluzive de agado de ĝemelaj urboj. Ses jara kunlaboro kaj ses-jara interŝanĝo jam pruvas, ke li faris tiel kiel li diris, kaj tutkore subtenas la projekton. Liaj agadoj influas min, tuŝas min.

Li subtenas la projekton per konsideroj. Ekzemple en 2009 li rimarkis, ke oni estis uzanta personan fremdan lingvon kiel ilon instrui/lerni fremdajn lingvojn. Celante tion li tuj pripensis probablan rolon de la projekto. Plue, ankaŭ rezulte el lia konsidero la Strategia Laborplano de UEA 2011-2020 havas specialan mencion: La centra UEA, por subteni la utiligadon de Esperanto fare de lokaj Esperanto-kluboj por interlokaj kontaktoj, kuraĝigu preleg-vojaĝojn kaj pli seriozan uzadon de ekzistantaj institucioj kiel la rilatoj inter ĝemelaj urboj kaj aliaj oficialaj aranĝoj de translima kunlaborado.

Li subtenas la projekton per agadoj. Kiel prezidanto de la Asocio li estas okupata, kion li bezonas trakti estas multa, sed li kontribuis energion kaj tempon al la projekto kiel eble plej kapable. Li cenzuris ĉiun numeron de la bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj priajn dokumentojn. Ekz. li elmontris 12 lokojn korektendajn inkluzive de interpunkciaj signoj kontrolinte la dokumenton “La respondecoj de la laborgrupo de la projekto Ĝemelaj Urboj”. El tio videblas, ke li estas tiel pacienca kaj serioza por la laboro.

Li subtenas la projekton per amo. Li amas Esperanton, pli amas esperantistojn, renomajn aŭ ordinarajn. En 2012 la komisiito anoncis pri forpaso de tri subtenantoj kaj praktikantoj de la projekto, nome, Eŭgeno Serg. Perevertajlo el Uzbekio, Aleksandr Titaev el Rusio, Li

Shijun (Laŭlum) el Ĉinio, li tuj sendis kondolencajn vortojn al ili. Li taksis je Eŭgeno Serg. Perevertajlo, ke li estis memori la fortecon, buntecon, energion de nia partoprenema membraro, je Aleksandr Titaev, ke la laborado por ĝemelaj urboj suferis do gravan baton, je Li Shijun, ke estis ege energia tradukanto, eble unu el la plej energiaj esperantigantoj de propralingvaj tekstoj, perdis lin ankaŭ la mondo de beletra tradukado. Kio pli tuŝas min estas, ke li ankoraŭ respondis al demandoj el esperantisto pri retejo de la projekto antaŭ ol li akceptis okulan operacion.

La ses-jara kunlaboro kun s-ro Probal Daŝgupto estas neforgesebla. Okaze de la 10-jara jubileo de la projekto li en sia gratulo diris, "la nunan jubileon ni kaptu kiel okazon aparte kaj plenkonscie saluti la laborantojn, kiuj mobilizas nin al nova maniero kompreni la historion kaj nian kapablon kontribui al ĝi." Nun mi volas diri al li, "Vi per propraj spertoj kaj manieroj mobilizas eblan forton por la projekto kaj instigas ĝiajn praktikantojn, inkluzive de mi! Mi kore dankas kaj salutas vin! Mi esperas, ke vi daŭre prizorgas la projekton".

Wu Guojiang

## Salutvortoj al Maritza Gutiérrez González



S-ino Maritza Gutiérrez González el Kubo dufoje estis elektita kiel estraranino de UEA. Mi kun ŝi interkonatiĝis 9 jarojn, kune laboris 6 jarojn. Dum la oficperiodo inter 2010 kaj 2013 oni vidis, ke kiel aparta sekcio la projekto unuafoje estis resumita en la jara raporto de la estraro, unuafoje aperis en la Movada Foiro, UEA havis signifan decidon: instigi la LA-ojn trovi respondeculojn pri Ĝemelaj Urboj. Oni vidis ankaŭ, ke laŭdate okazis la kunveno de Ĝemelaj Urboj en la lastaj tri UK. Ĉi ĉio enhavas ŝiajn subtenon, partoprenon kaj penadon.

Ŝi havas senegoisman dediĉon al la laboroj de Esperanto, i.a. unu afero sufiĉe pruvas tion, kortuŝas kaj kuraĝigas min ĉiam. En 2012 ŝi havis malfacilan periodon: ŝi mem malsaniĝis, sekve ŝia patro forpasis, ŝia patrino malsaniĝis ankaŭ. En tia situacio ŝi ne forgesis la laborojn de Esperanto, atentigis min pri verko de la jara raporto de la projekto, eĉ volis premi iom da tempo verki ion por la 10-jara jubileo de la projekto.

Ŝi havas altan senton de respondeco pri la laboroj de Esperanto. Tion elmontras unu el la ekzemploj. 2013 estas elekta jaro de UEA. Antaŭ finiĝo de ŝia mandato ŝi ankoraŭ persistas pri la devo. Ŝi helpas la komisiito trakti diversajn aferojn, partopreno en MF, okazo de la kunveno, respondoj al demandoj el esperantistoj ktp, eĉ preparas sin kune kun la komisiito por verki ion por la projekto. Post fermiĝo de la 98-aUK ŝi rapide raportis pri la projekto, kaj instigis min per tiuj vortoj: "sub la gvido de nova estraro mi certas ke tiu ĉi agado estos daŭrigata kun ĉies kunlaboro. Mi aparte volas danki al vi pro la plenumita laboro kaj afabla kunlaboro".

Vere mi kaj la projekto devas danki ŝin pro sia sindono. De ŝi mi multe lernis, organizado, kunordigo, iniciatemo ktp, ŝiaj pacienco kaj seriozeco al la laboroj starigis modelon por mi! Ĉi tie mi esprimas elkoran saluton al ŝi, kaj esperas pluan kunlaboron en la estonteco.

Wu Guojiang

## Kontribuema kongresano




S-ro Pieter Engwirda estas respondeculo de LA en Nederlando pri ĝemelaj urboj. Li printis la vortojn Ĝemelaj Urboj sur T-ĉemizon kaj vestis al si ĝin por disvastigi tiun agadon dum la kongreso kaj helpe deĵoris la tablo de la projekto en la Movada Foiro. Krome li kaj aliaj du kongresanoj proponis sin kiel kontrolantojn por elekto de la kongreso. La komitato aprobis unuanime.

## La ĝustatempa atento de Roy McCoy

Dum la kongreso ĉiutage la komisiito "deĵoris" ĉe la komputilo du horojn kaj rete sendis priajn informojn. Pro atento de s-ro Roy McCoy el la CO de UEA la redaktoroj ĝustatempe metis la atentigon de la komisiito pri la kunveno de Ĝemelaj urboj en n-ron 3 *Aŭroro* de la kongresa kuriero aperintan en la 23-a de julio, en kiu ĝi okazas. Koran dankon al s-ro Roy McCoy kaj aliaj redaktoroj.

# URBESTRO KAJ ESPERANTO

## Saluto el la Esperanto-urbo



Estimataj aŭtoritatoj de Islando kaj de la urbo Rejkjaviko,
Estimataj Prezidanto kaj Estraro de UEA,
Tre karaj gekongresanoj,

Herzberg am Harz, en Germanio, fieras esti la unua urbo en la mondo kun la kromnomo "la Esperanto-urbo". Estas tial normale, ke Herzberg hodiaŭ spirite staras flank-ĉe-flanke apud vi, kiuj venis el ĉiu kontinentoj por memorigi al la homaro, ke la demando pri interpersona kompreniĝo jam estis solvita antaŭ pli ol 125 jaroj, ke la solvo nomiĝas Esperanto kaj ke ĉirkaŭ ĝia flago kreiĝis homa komunumo, kiu ne konas landlimojn. Kiel dirus Zamenhof, en Rejkjaviko hodiaŭ renkontiĝas ne diverslandanoj, sed "homoj kun homoj", Havu sukcesan kongresan semajnon kaj, post ĝi, kunportu al viaj hejmoj daŭran rememoron pri ĝia senkompare unika etoso. Tiu estas la bondeziro de Herzberg kaj de mi persone.

Walter GERHARD
Urbestro de Herzberg am Harz -- la Esperanto-urbo (Germanio)

El n-ro 3 *Aŭroro* de la kongresa kuriero

# URBA STILO KAJ TRAJTO

## Jara raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2012

**1. Funkciuloj de la projekto**

S-ro Probal Dasgupta, s-ino Maritza Gutiérrez González kaj s-ro Osmo Buller helpis la komisiiton trakti koncernajn aferojn kaj cenzuri kvar numerojn de la reta bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj, i.a. s-ro Probal Dasgupta kaj s-ro Osmo Buller speciale sendis gratulajn leterojn por la 10-jara jubileo de la projekto, s-ino Maritza Gutiérrez González prezidis la la 9-a Kunvenon de Ĝemelaj Urboj (IĜU) kaj enmetis la raporton de la projekto kiel aparta sekcio en la Jaran Estraran Raporton de UEA en 2012.

S-ro Robert Bogenschneider rapide plenumis provlegadon de IĜU kaj ĝustatempe surretigis ilin en la retejojn: http://www.gazetejo.org kaj http://gxemelurboj.wikispaces.com.

**2. Reagoj al la projekto**

En 2012 Informilo Ĝemelaj Urboj daŭre tenis pli ol 2000 legantojn, kaj havis novan rekordon: ĝis la fino de la jaro landoj de la legantoj atingis 128. La komisiiton atingis 164 reagoj el 61 landoj. Tamen tiujare la projekto perdis tri fortajn subtenantojn, nome s-ro Eŭgeno Serg Perevertajlo el Uzbekio, s-ro Aleksandr Titaev el Rusio kaj Li Shijun (la Esperanta nomo: Laŭlum）el Ĉinio.

Estis ricevitaj la paperaj eldonaĵoj, Ĉinio: Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio, Formoza Folio en Tajvano; Japanio: Nova Vojo; KAEM: Esperanto en Azio; Pollando: Bydgoszcz kaj Itineroj de Ludoviko Zamenhof en Pollando kaj Eŭropo, kaj la retaj, Brazilo: Spiritisma Esperanto-Informilo Boletim, BEL informas, Informilo de Kultura Kooperativo, Komunikoj, SEK-Bulteno, Soteropolitano; Ĉinio: Penseo, Verda Pekino; Francio: Informletero de Vinilkosmo; Germanio: Verda Informilo; Hungario: Nordhungaria Informo; Kongo: Konsciu, KomACE; Koreio: La Solidareco,TERanidO; Kubo: HAVANO; UEA: Gazetaraj Komunikoj.

**3. Atingoj**

**La jaro 2012 havis specialan singifon por la projekto.** Unu el rikoltoj estas la du jubileoj pri la 10-jariĝo de la projekto kaj la 40-a numero de la bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj (IĜU). Sume 90 esperantistoj aŭ diversaj Esperanto-organizaĵoj el 42 landoj en kvin kontinentoj (Afriko, Ameriko, Azio, Eŭropo kaj Oceanio) reagis al la jubileoj. En tiuj gratulaj mesaĝoj oni povas legi ne nur retro-rigardon al historio de la projekto, sed proponojn al la nunaj laboroj, ne nur respondojn al la ekzistantaj problemoj, ne nur prezenton de spertoj, sed instigon kaj esperon. La jubileojn raportis nemalmultaj retejoj aŭ gazetaroj ekz. la Neubrandenburg-radio de Germanio, Ĉina Interreta Informa Centro (http://esperanto.china.org.cn) ktp.

Post la jubileoj pro la respondoj el Burkina Faso, Maroko, Samoo ktp, landoj de la IĜU-legantoj hazarde atingis 125, tio aldonis specialan feston al la 125-a datreveno de Esperanto tiujare okazinta.

La hanoja UK estis alia rikolto. La Komitato de UEA faris tian decidon: instigi la LA-ojn trovi respondeculojn pri kunlaboro kun respondeculo pri la projekto Ĝemelaj Urboj. Ĝis nun LA-oj en Svedio, Vjetnamio, Pakistano kaj Nederlando havis tiajn respondeculojn. Pro penado de s-ino Anna Löwenstein la projekto unuafoje eniris en la Movadan Foiron. La kunveno de Ĝemelaj Urboj finiĝis per konstrua propono: “krei laborgrupon por la estontaj bezono kaj granda evoluo de la projekto”. Ankaŭ pro la projekto Ĝemelaj Urboj la komisiito

honore estis enlistigita en la albumo “Antaŭen kun Espero -- pri la Ĉina Esperanto-Movado” aperinta dum ĉi tiu kongreso.

La gazetaroj de UEA neniam malŝparis paĝojn. En la tuta jaro la revuo Esperanto kvarfoje raportis aŭ menciis la projekton, Gazetaraj Komunikoj aranĝis specialan komunikon. Ekde tiu jaro la Jarlibro havas tekston pri la projekto.

**Urbestroj estas speciala forto.** En la pasinta jaro dek kelkaj (vic-) urbestroj partoprenis en la Esperanto-aktivadojn aŭ akceptis esperantistojn. Iliaj agadoj grandege stimulis la Esperanto-movadon. Indas menciis, ke s-ro Károly Szita, urbestro de la hungara Kaposvár, sendis specialan senditon, kiu ĉeestis al la 10-a kongreso de kroataj esperantistoj okazinta en sia ĝemelurbo Koprivnica, kun Esperanto-lingva gratula letero al la urbestrino.

La urbestraro de la sudfranca Verniolle unuanime akceptis paperan proponon: nomumi iun placeton kiel la Ĝardenon de Esperanto. Verniolle ne havas ĝemelurbojn, sed por instigi pliajn loĝantojn al lernado de Esperanto la urbestro bonvenigas proponojn de la nefrancaj esperantistoj al li pri ĝemeliĝo de siaj propraj urbetoj kun Verniolle.

En la 79-a Itala Kongreso de Esperanto s-ro Nicoló Cristaldi, urbestro de Mazaradelvalo (Mazara del Vallo), esprimis sian deziron: Mazaradelvalo iĝu simbol-urbo de Esperanto, kaj kun la urbestro de la pola Bjalistoko subkribis deklaracion pri kunlaboro je la ideo de la lingvo Esperanto. Esperanto plejprobable pavimos vojon por oficiala ĝemeliĝo de la du urboj.

**Interŝanĝoj inter esperantistoj de ĝemelaj urboj estis fruktedonaj**. Laŭ interŝanĝo de esperantistoj la urbodomo de la franca Herouville Saint Clair en la 1990-aj jaroj ofertis al sia rusia ĝemelurbo Tiĥvino senpagan helpon, de kiu tieaj loĝantoj profitis. Esperantistoj de Herouville Saint Clair plenumis la francan tradukon de la Esperantolingva novelaro “Leciono por knabo” verkita de esperantisto de Tiĥvino, kaj laŭ interkonsento en januaro 2013 okazos prezentado de la libro kun partopreno de la aŭtoro en Herouville kaj en kelkaj aliaj urboj de Francio.

Vizito de esperantistino de la ukrainia Kievo al sia japana ĝemelurbo Kioto igis ambaŭ urbajn esperantistojn havi ideon: apelacii almenaŭ nomi iun straton “Kievo-strato” en Kioto. Tianjin-a Esperanto-Asocio de Ĉinio realigis la trian viziton al sia pola ĝemelurbo Lodzo.

**Kelkaj Esperanto-organizaĵoj havis konstruajn konsiderojn pri la projekto.** Filio Havano de Kuba Esperanto-Asocio publikigis 10 proponojn por agado de ĝemelaj urboj. Lige al la projekto “1100-jariĝo de la germana Kasssel en 2013” tieaj esperantistoj lanĉis du agadojn koncerne siajn ĝemelurbojn, nome Kvartalumado kaj PONTO KASSEL, Interbulteno de la Esperantistoj de Kassel kaj de ties Ĝemelaj Urboj. La Esperanto-organizaĵo de la germana Herzberg am Harz, La Esperanto-urbo, frue havis por la 20-jara ĝemelurba jubileo inter ĝi kaj la pola Góra du konsiderojn: fakseminario pri "Ĝemelurbaj Aktivecoj" kaj speciala seminario “Ĝemelurbaj Amikecoj”.

Ankaŭ du eventoj estas signifaj: Surbaze de ĝemela rilato inter Dong Da distrikto de la vjetnama ĉefurbo Hanojo kaj la franca urbo Choisy-le-Roi ĝemeliĝis esperantistoj de la du lokoj. la Zaozhuang-a Universitato de Ĉinio kaj la Korea Universitato de Fremdaj Studoj ĝemeliĝis per Esperanto.